

# *ESPERANTISTA* VEGETARANO

Bulteno de la Tutmonda Esperanta Vegetara Asocio

N-ro 2 - Junio 1971

Redaktanto: Ernesto Váňa
DUDINCE okres Zvolen, Slovakio, ĈSSR

El la enhavo:



Eldonanto: Christopher Fettes
Saint Columba's College, Rathfarnham, Dublin 14, Irlando

# A N O N C O J

Ĉion pri redaktado, organizaj aferoj, kontribuaĵojn, artikolojn, sendu al la redaktanto kaj administranto: Ernesto Vaňa.

Abonkotizojn libervolajn, en formo de mondonacoj laŭplaĉaj, bonvolu direkti en nuna tempo al:

1. en Sterlinga sfero: Christopher FETTES, Saint Columba's College, Rathfarnham, DUBLIN 14, Irlando;
2. en Okcident-Eŭropa sfero: ESPERANTO-CENTRO, Hasslocher-Str.17, D-6730 NEUSTADT (Weinstr), F.R.G. pĉk: 277.31 Ludwigshafen(Rhein)
3. en Orient-Eŭropa sfero: Ernesto VÁŇA, DUDINCE okres Zvolen,Slovakio, ĈSSR; laŭ antaŭa interkonsento, se ne eblas sendi monon.
4. en Dolara sfero: James PARKERSON, Box 17463, LOS ANGELES, California 90017, Usono.

Sinceran dankon al niaj subtenantoj - donacintoj !

Aŭstralio: Gueltling (£2.32), Mueler-Soreau ($A2); Belgio: Bruyne($2); Britujo: Bing (£1), Frazer (£1), Prent (£2), Robotham (50p + libroj), Sly (£1); Bulgario: Birov (8 lv), Damjanov (5 lv), Damjanova (5 lv), Delkinov (5 lv), Edrev (5 lv), Ivanov (5 lv), ges. Nikolov (10 lv), Ŝterjanov (7 lv), Trajanov (20 lv), Minĉev (5 lv), Ĵelev (5 lv); Ĉeĥoslovakio: Grossman (50 kcs), Blostica (20 Kcs), Dudáš (25 Kcs), Kreuzinger (25 Kcs), Kraft (50 Kcs), Sládeček (100 Kcs), Valjanová (20 Kcs), Váňa (30 Kcs), Mihálová (50 Kcs), Trojanková (30 Kcs), Němec (35 Kcs), Leibiczer (100 Kcs), Štipl (30 Kcs); Danio: Larsen (£5), Morawetz (5 DM); Francio: Baude (2 rkp), Cottereau (librojn), Beden (5 rpk), van Reenen (10 DM); Germanio: Frese (librojn), Kaukal (20 DM), Mosch (10 DM), Niessler (20 DM), Schmidt (10 DM), Schöner (10 DM), Teich (5 DM), Wiese (20 DM), Kermann (20 DM), Morawetz(7DM); Hispanio: Armadans, kaj aliaj (£5, 22rpk, librojn), Palacio (4rpk), Ramirez (200pst), Guma (10DM); Hungario: Magyar (100 Ft); Irlando: Fettes (£5); Italio: Conti (5rpk), Mózsi (manuskr.); Nederlando: Der Vies (10g + librojn), Geron (10DM), Rooke (20DM), Schutte (20g), Zeiss (£1); Novzelando: MacGill (£1), Williams (£1); Norvegio: Voltersvik (10DM); Pollando: Glajcar (librojn), Galuszka (500zl), Tarasova (55 Kcs); Sovetunio: Polišĉuk (librojn); Svisio: Enz (42DM), Weigelt (10DM); Usono: Docal ($3), Estling ($5), Evanoff (manuskripton), Harler (11rpk), Nell ($4), Parkerson ($10).

* * *

**** 1971-a Fakkunveno - Londono, Mardon 3 de Aŭgusto, 9-10.30 atm

PROGRAMO

1. Elekto de estro kaj sekretario de tiu kunveno
2. Sinpropono de landaj perantoj
3. Ebla helpo por la nuntempa administranto de TEVA
4. Financaj aferoj
5. La eldonado de Esperantista Vegetarano
6. Kolektendaj informoj pri naciaj vegetaraj asocioj
7. Alia laboro de perantoj
8. Komitato pri dumkonferenca nutrado
9. Dusemajna fakkongreso en 1972
10. Aliaj aferoj.

(Prirespondos s-ano Fettes)

## Vortoj de la redaktanto

Karaj Geamikoj !

Iom pli longe vi atendis la duan numeron de nia kara, renaskiĝinta VEGETARANO, ol vi unue pensis, - bonvolu afable pardoni - sed ni ja devis ankaŭ iom atendi je viaj eĥoj morala kaj ankaŭ materia, ĉar sen tiuj nia bulteno ne povus ekzistadi. Alvenis multaj entuziasmaj leteroj, bedaŭrinde ne povus represi ilin, - jes, alvenis multaj - koran, koregan dankon ! Image mi dankeme kareses la manojn, kiuj skribis al mi tiujn sincerajn, amikajn, esperodonajn vortojn.

Ni do ekkomencis fosi nian pluan sulkon.... Kaj ni ĝin fosu plu solidare, amike, fratece, kun manoj en-mane reciproke. Ĉar vegetarismo apartenas al la Interna Ideo de Esperanto, al pli altaj idealoj, al mondfrateco, al la de ĉiuj popoloj sopirata eterna paco. Tial ankaŭ la kreinto de la Internacia Lingvo estis membro de la unua esperantista vegetarana organizaĵo, kies honora prezidanto fariĝis L.N.Tolstoj. D-ro Zamenhof sian apartenecon al tiu ideo kaj kulturo pruvis per du artikoloj en sia Fundamenta Krestomatio de Esperanto: "La hejmo de la metiisto" kaj "Kio estas vegetarismo".

Jes, vegetarismo estas ideo, kaj ankaŭ kulturo, same tiel, kiel la Internacia Lingvo, kiu ebligas al ni kontaktojn kun gesamideanoj en la tuta mondo. Ni praktikadas noblan agadon, se ni disvastigadas tiun ĉi ideon kaj kulturon. Sed ni estu prudentaj, nealtrudiĝemaj, kaj ĉefe ne sektecaj, ĉar per tiaj manieroj ni malutilus kaj al Esperanto, kaj al vegetarismo. Tio sama validas je niaj skribaj esprimoj, - precipe mi pensas pri artikoloj. Bonvolu kompreni, ke nia bulteno volas esti ligilo inter ĉiuj gesamideanoj-vegetaranoj, sed neniam kritika tribuno, kiu poste elvokus kverelemajn eĥojn. Tio nin reciproke malamikigus, kaj tio fariĝus nia malbona vizitkarto.

Sincere mi devas danki al tiuj, kiuj ekkomprenis mian alvokon, kaj kiuj frue sendis monsubtenon, donacon por EV, resp. por TEVA al mi, aŭ al aliaj donac-kolektantoj, kiujn ni indikis en la unua numero de VEGETARANO. La monsubtenojn ni konfirmas sur la dua paĝo, bonvolu kontroli, ĉu via donaco alvenis laŭ la indikita sumo. Ankaŭ mi tre dankas al tiuj, kiuj sendis al mi librojn, gazetojn. Ĉi-loke mi denove petas niajn "historiistojn", kaj tiujn, kiuj havas dokumentojn, malnovajn gazetojn (Vegetarano), afable konstati: kioma jarkolekto estas nia nun reaperiĝinta Vegetarano, ekde la unua eldono de esperantista vegetarana gazeto, por ke ni povu indiki en titola paro de nia bulteno la jarkolekton, aludante tiel la tradicion, kiu ankaŭ ion signifas.

Samtiel ĉi-loke mi devas danki al la plej unuaj samideanoj, kiuj iniciateme komencis organizi en siaj landoj, kiuj tuj kreis kontaktojn, kaj komencis kolekti mon-donacojn por Vegetarano, kiel s-ano Damjanov el Bulgario, s-roj Obodovskij kaj Kiselev el Sovetunio, s-ano Armadans en Hispanio. Espereble frue sin anoncos ankaŭ aliaj, por helpi kaj antaŭenigi nian aferon, ĉar havi perantojn-reprezentantojn en ĉiuj landoj, estas nepre urĝa nia klopodo.

Kaj ekestis alia grava afero pripensenda, kiun mi devas al vi mencii: en la lasta tempo kvaroble altiĝis en mia lando la poŝtaj afrankoj (krom ordinaraj leteroj kaj poŝtkartoj al popol-demokratiaj landoj). Praktike tio signifas, ke la korespondado for konsumas mian monatan pension.... Restas nur du eblecoj, nome, ke: aŭ oni

afable (precipe el ne-popoldemokratiaj landoj) sendos al mi en siaj leteroj - petante respondon - internacian poŝtan respondkuponon (do ne temas pri UEA-respondkupono al Delegito!), aŭ afable iu alia samidean(in)o transprenos de mi la funkcion de redaktanto de nia bulteno. Bonvolu decidi laŭ tiuj ĉi eblecoj kaj punktoj, precipe dum la vegetarana kunveno en UK-Londono.

- - - - - - - - - - - -

Forpasis la unuaj kvar monataj en vovo de nia renaskiĝinta Vegetarano. La komenco, la survojigo, la lanĉado estis la nova"historia" momento en niaj klopodoj. Mi estas feliĉa, ke mi povis plenumi mian promeson. Kaj - kredu - mi eltenos, mi ne perfidos. Sed mi bezonas vian helpon.

Post novaj tri monatoj venos la Universala Kongreso en Londono, kiun iuj el-inter vi partoprenos, kaj kie deziros renkontiĝi, kunveni, ankaŭ la vegetaranoj. Bedaŭrinde mi ne povos esti inter vi, kvankam iu samideano grandanime kaj afable proponis al mi amikan manon, ke li kovros le elspezojn de mia tiea restado. Ricevi pasporton kaj elirpermeson en mia lando estas iom komplikita afero. Tial mi vin ĉimaniere petas: priparolu tie prudente niajn aferojn, kaj faru ĉion, kion vi trovos utila kaj bona !

Mi deziras al vi vere samideanan, fratecan renkontiĝon tie, kaj al ĉiuj - same kiel al ĉiuj karaj legantoj de Vegetarano, kiuj fariĝis miaj afablaj kaj karaj geamikoj per siaj leteroj kaj sinceraj vortoj - mi sendas elkorajn salutojn, kun amika manpremo !

Ernesto Váňa

*   *   *

## Vortoj de la eldonanto

Karaj Gesamideanoj !

Mi multe bedaŭras la prokrastan eldonon de tiu bulteno. Tute ne kaŭzis ĝin la Redaktanto, sed ankaŭ ne mi! Kiam, pro manko de aliaj oferoj, mi akceptis ĝin presigi, mi supozis ke, kiel por la unua numero, iu en a oficejo de la Brita Eo-Asocio povus retajpi la tekston. Sed ve! la granda laboro por la 56-a UK neebligis tiu ideo. Do, jen mi, tute ne sperta pri tajpado kaj ankoraŭ komencanto pri la lingvo, troviĝanta antaŭ timiga tasko kun tre malmulte da tempo. Sed finfine alvenis la fino de la lerneja trimestro, kaj tuj, sen halto kaj espereble sen tro da eraroj, mi malrapide retajpis ĝin por la presado. Espereble iun multe pli kapablan ni trovos dum la 56-a UK. Intertempe, se iu ajn emas grumbli pri la prokrasto, mi demandas: Kion vi faris por la movado, duobla-samideano, kiam, antaŭ tri jaroj, mi ankoraŭ ne estis Esperantisto ?

Kristoforo Fettes

*   *   *

Certe multe scias, kiom agrabla estas la medio, kiam renkontiĝas vegetaranoj, kiuj ankoraŭ ne vidis, ne konis unu la alian.... Ni fondu sekcion de reciproka interŝanĝado libertempa! - La personoj, aŭ familioj interkonsentos, kaj reciproke vizitos unu la alian, kiel gastoj. - Forfalos zorgo pri hotelo, restado, ktp, kaj oni ĝuos la solidarecon de homoj, havantaj la saman ideon, en amika atmosfero.

## RESALUTON!

La unuan numeron de la nova "Esperantists Vegetarano" mi legis kaj ĝojis pri ĝi, ĉefe pri la memprezento de kelkaj anoj. En tia grupo oni (t.e. ĉi-kaze mi) povas senti sin hejme, almenaŭ komprenata.

Sed estiĝas la demando, kio estas vegetarismo, al kiu ni estas anoj. Ĉu ne manĝi viandon, sed fiŝoj estas permesataj, aŭ ankaŭ eviti fiŝojn, aŭ plu eviti ovojn, lakton, kaj kun ĝi fromaĝon, nur vivi per legomoj, aŭ eĉ eviti ankaŭ tiujn kaj nur manĝi fruktojn ? Oni ja povas multe pri tio kaj tio legi en fakaj revuoj.

Ankoraŭ pli interesa iĝas la demando pri la kialo de tia vivmaniero, vivtenado. Ĉu la konsidero de la propra sano gravas aŭ ĉu oni pli konsideras la bestojn kaj ne volas mortigi ilin aŭ kaŭzi dolorojn, aŭ ĉu oni simple imitas la patron, la patrinon ?

Ŝajne tiuj demandoj estas iom ligitaj al religio. Almenaŭ oni trovas koncernajn konsilojn kaj rekomendojn en tiaj instruoj. Tamen ankaŭ kuracistoj kaj aliaj unuopuloj donas vivregulojn kun simila enhavo. En iu religio, mi aŭdis, oni fastu, unu tagon semajne. Tio tie ĉi signifas, ke oni ne lasu la tutan manĝon, sed ke oni nur evitu bestan manĝon, viandon. Sed ĉar fiŝoj al kelkaj el tiuj religiuloj bongustis, ili diris besta manĝo estas nur de varmsangaj bestoj, fiŝoj ne havas varman sangon, do ili ne apartenas al la protektita grupo kaj estas tial manĝeblaj ankaŭ dum la fastado. Aliaj eĉ metis pro la samaj konsideroj kelkajn mambestojn ankaŭ en la grupon de la dum fastotagoj manĝeblaj bestoj....

Pri aliaj religianoj oni rakontas, ke ĉe ili iom validas la regulo, ke oni ne mortigu bestojn. Sed se ia bovo falis de kruta deklivo en fendon, hazarde aŭ iom instigite, oni ja ne mortigis ĝin kaj tial rajtas manĝi ĝian viandon. Ĉu tiuj homoj, kiuj mem ne mortigas bestojn, estas vegetaranoj en nia senco ? Aŭ se mi pensas pri krudmanĝuloj, kelkaj viandmanĝuloj ja ankaŭ ne kuiras aŭ fritas la viandon. Do multaj demandoj pri la diferenco inter vegetarano kaj nevegetarano, la limon inter ili mi ne bone trovas.

Sed mi rakontu ion alian el la lando, kie mi vivas. Oni konstruis en Kopenhago novan grandan zoologian muzeon. En la komenco de la rondiro oni en superrigardo montras la multajn specojn kaj grupojn de bestoj, ian sisteman ordon, kaj la homoj tie ankaŭ enestas en la bestfamilio, kompreneble kiel speciala grupo. Kaj poste oni vidigas (ankaŭ audigas) la vivon de la bestoj nunaj (i.a. ankaŭ la lingvan aŭ interkompreniĝan kapablon de ili, sed la homan <u>nekapablon</u> koncerne gentan - t.e. internacian - lingvon, oni ne prezentas). Oni ankaŭ montras per preskaŭ vivantaj, sed nur elŝtopitaj modeloj la kondutojn de unuj bestoj al aliaj, ekz. vulpo manĝas kokon, aŭ kato muson. Sed oni ne montras, ke homo manĝas bovon, aŭ porkon, aŭ leporon. Pri tio mi multe pensis. Kial oni tion ne montras ?

Mi komprenas, ke oni ne ŝatas prezenti la homon nuda. Oni povus ja montri lin vestita. Sed kiel li manĝu ? Li ja havas sian kulturon. Li do devus sidi ĉe tablo kaj manĝi el telero per forko kaj tranĉilo. Kaj la beston ? Oni povus vidigi ĝin ekstere sur paŝtejo, sed devus esti bildo inter la manĝulo kaj la flegita besto, nome prezento samoriginala de buĉejo. Tiun <u>kulturon</u> oni verŝajne ankaŭ ne emas prezenti....

Tamen tian kulturon ni ja havas. Pli frue la homoj ne manĝis tiom da viando, certe ne preskaŭ ĉiutage, eble nur festtage. Nur la kulturitaj, t.e. la kulturhavaj, aŭ altrangaj homoj povis pli ofte manĝi viandon. Buĉi ili ne bezonis, ili havis monon, por pagi, aŭ la potencon, por igi la buĉadon. Kaj nun ĉiuj ja ŝatas esti en la sama stato, iom da mono preskaŭ ĉiu havas, do ĉiu povas pagi la buĉiston kaj povas manĝi kiel "reĝo", aŭ alia riĉulo.

La saman aferon koncerne statsimbolon oni povas rimarki ankaŭ ĉe la nun moderna malpurigo de la naturo, kontraŭ kiu oni en la muzeo ankaŭ montras bildojn, ne pri la laboro de la industrio, sed pri la forĵetado fare de homoj ekstere en la arbaroj, aŭ aliloke. Tio estas la samvoja eduko, aŭ evoluo. Pli frue la riĉuloj simple forĵetis, kion ili ne plu ŝatis, kaj la servistoj, aŭ aliaj dungitoj, devis ordigi tion. Tia estis la sinteno, la kulturo de la altrangaj klasoj. Kaj nun ĉiuj klasoj, ĉiuj homoj ŝatas vivi kaj konduti sammaniere, ĵeti la cindron de sia cigaro, aŭ el la pipo, sur la tapiŝon, se oni havas, aŭ ie ajn, forĵeti simple la skatoletojn kaj papersaketojn, la plastiksaketojn, la botelojn kaj aliajn ujojn, do oni simple forĵetas la forĵetaĵojn, la malpuraĵojn, la neuzeblaĵojn, la neplubezonaĵojn. Por mi vere tio ĉio ĉiam estis bildo de la kulturo de la koncerna regiono, kiam mi vidis tiujn rubaĵejejegojn en la naturo....

Mi diris, ke temas pri simbolo pri sia stato. Eble la viandmanĝado, videbla por najbaroj, estas ankaŭ tia statsimbolo. Eble ili ŝatus lasi la viandon ka la buĉigadon, ŝatus samgaje aŭ samsane vivi, kiel la vegetaranoj.

Tio nur estas ideoj, pensoj pri la kio, kiel kaj kial. Eble aliaj, niaj fratoj, aŭ samvivuloj, aŭ sampensuloj (ĉu vere?) scias pli kaj helpos klarigi la rilatojn. Ĉiukaze mi resalutas la amikojn, sed ankaŭ salutas la viandmanĝulojn, ĉar ili ja ankaŭ estas fratoj niaj, eĉ kelkfoje, aŭ ofte, samcelanoj.

F.Moravec

* * * *

Ĉu vi povas esti peranto ?

Perantoj-reprezentantoj estas necesaj en ĉiu lando. Iniciatemuloj, bonvolu sin anonci al nia redaktanto! Kio estas momente farenda? Kontroli, ĉu la adresoj de niaj legantoj el tiu lando estas ĝustaj (la redaktanto sendos nomarliston). Ni ja scias, ke iuj adresoj estas malnovaj, nevalidaj, kaj domaĝe tien sendi nian bultenon, kiam la adresito ĝin ne ricevos. Do la peranto kontaktiĝos kun la adresitoj, li konvinkiĝos, ĉu la adreso estas ĝusta, se necese, li tuj anoncos al ni la ĝustigon, kolektos la mondonacojn, kiujn li laŭ interkonsento transigos al la konvena teritoria kolektanto (vidu sur dua paĝo), varbas novajn esp.-vegetaranojn por TEVA kaj nia bulteno, kies adresojn li komprenemble tuj sendas al nia redaktejo. Li estas en daŭra kontakto kun la redaktanto, kiu nuntempe estas ankaŭ la organizanto kaj administranto de TEVA.

* * * *

BONVOLE NOTU ke la eldonanto NE SENDOS Bultenon No 3 al tiuj kiuj ne estos informintaj aŭ lin aŭ la redaktanton pri la certa alveno de No 1 aŭ 2. Ni supozos ke vi ne plu vivas !

# AMIRIN - VEGETARA VILAĜO

Post tutmonda vegetara kongreso en Israelo fine de 1969, nia grupo vizitis Amirin en Galilea montaro. Jam ĝis lago Genezareth kreskis unuetaĝaj domoj de tiu privato vilaĝo. La familioj alvenis el Pollando, Rumanio, Sovetunio, Hungario, Bulgario, Persio, Irako, Aŭstrujo, Tuniso, Francujo, Germanujo, Anglujo, Usono kaj Israelo. Ili estis de diversmaniera mondkoncepto, sed tamen ilia vegetarana konvinko venkis ĉion, unuigis ilin kaj poste ili sukcesis en jaro 1958 fondi en grandaj malfacilaĵoj sian vilaĝon. Tio estas ekzemplo, ke oni povas, se oni volas elkrei ion, se ia forta ideo kunigas homojn.

Tiuj kiuj alvenis ricevis de koloniiga ministerio subtenon, akvotubojn por konstrui akvokondukilon, semojn, plantojn, ktp. kaj ili devos repagi ĉion dum venontaj 20 jaroj. Ĉiuj logantoj apartenas al sindikato, ĉiuj pagas la elspezojn, impostojn, stratkonstruadon, kulturajn aranĝojn, gardadon ktp. Ĉefa fonto de enspezo estas vendado de fruktoj kaj akcepto de somertempaj gastoj.

En ĉirkaŭaĵo de vilaĝo estas grandaj fruktaj kampoj-plantejoj, kie kreskas belaj kaj sanaj pomoj, vinberaro, pistakoj, nuksoj kaj figarboj. Brutaron ili ne havas, kemiaĵojn ili ne uzas. Dum plantado oni devis ofte disrompi la rokon, por planti la arbojn, kiuj nun portas la fruktojn de tiama pionira laboro.

Amirin havas sian lernejon, infanvartejon, kulturdomon, poliklinikon, kiu estas tre malofte uzata, ĉar la loĝantoj estas tute sanaj. Ankaŭ vendejoj diversaj estas, diversaj metiistaj instancoj kaj estas eble ĉeesti kursojn pri jogo, popoldancoj, lingvoinstruado, historio, ktp. Al siaj najbaroj arabaj kaj aliaj ili sentas plenan pacan harmonion.

Amirin kaj ĉirkaŭaĵo estas la plej belaj pejzaĝoj de Israelo. Ili havas jam eĉ sian elektran lumon kaj komencas disvastigi siajn plantejojn. Interesa estas ankaŭ la ŝtata librejo, kiu enhavas multegajn librojn pri vegetarismo kaj vivreformo.

Ni estis tre afable akceptitaj kaj gastigitaj per kvin manĝoj. Salatoj, legomoj kaj fruktoj aspektis bele kaj havis ĉiujn kolorojn. Ankaŭ nia rigardo en bela ĉirkaŭaĵo kontentigis nin. Ni vidis fruktojn de persista kaj paca laboro. Ni devis premi la manojn de multaj loĝantoj, kiam ni iris ĉirkaŭ iliaj domoj kaj belaj ĝardenoj.

Ing. Sulkowsky en gazeto "Vegetarier
(Esperantigis Vlado Sládeček)

* * * *

" En miaj verkoj mi ĉiam kaj sisteme rekomendas vegetarismon, ekz. en 'Kiel kuracas la naturista medicino' (havebla ĉe Libroservo de UEA), vegetarismo okupas la unuan lokon inter la naturaj faktoroj de la kuracado. Kaj same en ĉiuj miaj ĝisnunaj artikoloj, precipe en OOMOTO. Mi ankoraŭ ne finis la serion de artikoloj pri la diversaj malsanoj. " (D-ro Scolnik, Argentino)

\- - - -

Fariĝu fakdeligito por vegetarismo ĉe UEA! Petu demandilon de la Centra Oficejo de UEA, aŭ de ties Ĉefdelegito en via lando.

# NOVAĴOJ EL BARCELONA

La nova estraro de la renovigita "Naturista-Vegetarana Societo el Barcelona (antaŭe nur Vegetarana) atingis jam tre gravajn rezultatojn. En ĝia nova kaj sufiĉe granda sidejo en Strato Caspe, 78, prl. Barcelona-10, ĝi kunekzistas kun la Vegetarana kooperativo "Superación", kiun lastatempe oni sukcesis oficialigi profite de ĝiaj membroj, kiuj entute nombras preskaŭ 700. Nia juna prezidanto S-ro Oscar Colom, denaske vegetarano, meritis ĉies kunlaboron, malgraŭ malfacilaĵoj de la komenco por renovigi la vojon. Vic-prezidanto S-ro Pedro Escayola, ankaŭ senlace kaj sindone batalis por regajni posedaĵon el antaŭmilita societo. Ne mankas entuziasmaj esperantistoj kiel fratoj Bascompte kunlaborante en administraj kaj artaj sekcioj.

Ili mem elsonas multobligatan monatan bultenon ĉefe por diskonigi la agadprogramojn. Ĉiusabate estas interesa parolado de la plej konataj naturkuracistoj: D-ro V.L.Ferrándiz, D-ro Gimeno, D-ro Circuns Espelt, k.t.p. Ankaŭ partoprenas la ŝatataj Profesoroj Castro kaj N.Capo, kun siaj instruoj pri trofoterapio kaj trofologio, revalorigante la krudan kaj citran dietojn. Profesoro Capo (kiu iomete komprenas Esperanton) ankaŭ eldonas presitan revueton.

Ĉiuvendrede oni povas ĉeesti al la Yoga kurso, gvidata de S-ro Melá. Kursojn de Esperanto gvidis S-ro Petro Nuez kaj S-ro Aragall. La junulara kaj virina sekcioj mem organizas siajn programerojn, precipe pri ekskursoj, debatoj, kuirarto, k.t.p. Arta grupeto preparas de tempo al tempo teatraĵojn kaj festivalojn. Kelkajn el ili oni festas en libera aero, en nuntempe propra tereno proksime al vilaĝo Gavá. Tiu ĉi tereno estas ĉirkaŭita de pinarboj kaj apude "Can Quatre", kie jam de multaj jaroj oni intencis krei vegetaranan kolonion, kaj kie troviĝas la bienoj de la pioniroj kaj la somerdometoj kun ĝardeno de la lastaj sekvantoj.

En tiu ĉi nova tereno la Societo intencas konstrui specialan Restadejon se la membroj bone kunlaboros. Momente tie estas la taŭga koncentrejo de la naturamantaj membroj kaj simpatiantoj, kie ili troviĝas ĉiun festtagon por ĝui la Naturon kaj ankaŭ por la komuna rizo, kiun oni preparas en tre granda kaserolo. Aliajn omaĝojn oni festas en Vegetarana Restoracio, strato Canuda 41-43.

Malgraŭ ke kelkaj membroj ĉeestis internaciajn kongresojn kaj renkontiĝojn, la valoro de Internacia Lingvo ne estis aprezata, do lastatempe la Kursoj de Esperanto estis prokrastitaj pro manko de sufiĉaj ĉeestantoj.

Persone mi salutas vin ĉiujn, kaj esperas vidi baldaŭ reorganizitan la Tutmondan Esperantan Vegetaran Asocion, kaj la aperadon de la nova VEGETARANO.

Lluis Armadans

\- - - -

Hinda nova prezidento Varahagiri Vekanta Giri estas konvinkita vegetarano. En sia mesaĝo al vegetara kongreso li diris, ke sana vegetara nutraĵo kreas kaj subtenas sanon vivon kaj fruktodonan pensadon, harmonion kaj spiritan ekkonon. ("Vegetarier")

\- - - -

ESPERANTO EN ROLO DE EDZ-PERANTO (Literaturo)

Karaj legantoj !

Ĉar mi ofte kunpuŝiĝis kun homoj, kiujn interesis, kiamaniere efektiviĝis nia "internacia" geedziĝo, mi provos pri tio ion rakonti. Oni diras, ke la rememoroj estas paradizo, el kiu neniu povas vin elpeli, do bonvolu sekvi min en la jaron 1929 !

Mi parolos "per simplaj vortoj" kaj tiucele ja pleje taŭgas nia Esperanto, pri kiu - pli frue ol mi ekintencis ĝin ellerni - mi aŭdis, ke ĝi estas "simpla, facila, internacia helplingvo."

Ĉar mi dum gimnaziaj studoj "luktis" kun t.n. klasikaj lingvoj, ili estis tre taŭgaj helpiloj por mia celo, nome: en la plej mallonga tempo la internacian lingvon - kiel memlernanto - scipovi. Kaj tial mi jam post du monatoj ekkuraĝis sendi al "Bohema Esperanto Servo" en Potŝtejn mian adreson kun la indiko de mia plaĉokupo: turismo - kaj atendis, sed ne ĝis atendis iun "viktimon". Monto ne venis al Mahometo, do Mahometo ekiris al la monto. Mi trafoliumis ricevitan BES-adresaron kaj elektis hazarde trovitan adreson de iu kantema samideanino, kiu kolektis popolkantojn kun melodioj.

Tiu ĉi "tereno" tre konvenis kaj ankaŭ plaĉis al mi. Tiam kiel "allogaĵojn" mi sendis nian nacian himnon "Kie mia hejm'?" kaj ankoraŭ du ĉekajn kantojn. Imagu nur, ĉu ne estis strange?! "Mi ne scias, kial la kapeto min doloras?" - kaj "Mi amas vin". Tiujn ĉi kantojn mi nome trovis en kleriga semajna gazeto "Nový lid" - "Nova Popolo", kies redaktoro, s-ano Petr, gvidis kurson de Esperanto kaj la tri kantojn pro ilia facila teksto kaj ĝenerala kono uzis por komencantoj.

La kapeto ne doloris, male, ĝojradiante mi enpoŝtigis mian proponon pri korespondado - kaj longe, tre longe mi atendis ian respondon. (Malspertulo povis imagi, ke Latvio, situanta en nordo, devas esti lando TRE malproksima, kie eble la poŝto funkcias helpe de glaciaj ursoj, kiuj certe estas pli mallertaj ol la niaj, aŭ eble tie dum nia somero estas jam vintro? Sed mi mem estis pri la Sukcenlando jam bone informita fare de Pavel Fink, kiu pri Latvio verkis tre simpatiajn artikolojn, ĉar dum la unua mondmilito tie sian koron perdis.)

Finfine kaj subite okazis t-n. "salto", ekestis "tertremo" en nia urbo ĝis nun neniam okazinta. En la urbo centro mi vidis kelkajn grupojn de homoj kun iaj insignoj. Jes, jes, ili estis verdaj, kvinpintaj steloj! Mi gape rigardis ilin kaj aŭskultis ŝokita per surprizo, ke mi bonege ĉion komprenis - imagu nur! - ili ĉiuj parolis ja - g e r m a n e ! (Kiucele oni lernas Esperanton, se oni uzas sian nacian lingvon? En tiu momento mi rememoris mian paĉjon, kion li nome al mi diris, kiam mi al li prezentis mian semestran ateston: "Kiucele, knabo, ci bezonas latinan lingvon, se ekzemple mi interkomprenigi povas eĉ kun Ĉinano, se tiu almenaŭ iom ĉeĥe parolos?")

Do ne mirinde, ke mi disreviĝinta rapidis hejmen, sed survoje min atendis nova surprizo: iu sinjorino - ŝi havis la saman insignon! - min haltigis kaj ankaŭ germane min demandis pri "Besední dům" - "Societa domo". Tie devis nome okazi renkontiĝo kun ĉi tieaj gesamideanoj, kiuj bedaŭrinde plejparte ĵus libertempis

ekster Brno. Tion mi nur poste eksciis. Do mi germane klarigis al ŝi la vojon kaj daŭrigis mian trotadon hejmen.

Survoje mi eksentis konscienc-riproĉojn pro tio, ke mi tuj ne konstatis la memkompreneblan cirkonstancon, ke la fremduloj ne povas ja interkomprenigi per Esperanto, sed en okazo de nepra bezono devas uzi lingvon, kiun probable la indiĝenoj ankaŭ scipovos. Sed vi ja bone scias, ke pekulo ĉiam klopodas senkulpigi sin aŭ almenaŭ konsolas sin per la rezonado, ke eble tiel tamen estis pli bone ! Provu nur forkuri de via Sorto !

Post du semajnoj mi ricevis el Riga leteron skribitan per energia mano! Unua letero al mi el fremdlando sendita! ĝojplene mi ĝin bonvenigis kiel lacegan pilgrimanton el fora lando, kiel apostolon de homaranismo, kiel predikanton pri la "interna ideo de Esperanto".... Mi vere ne povis havi eĉ ideon pri la "interna" enhavo de tiu letero, kies legado nur miajn harojn hirtigis. Jes, Francisko, neniam laŭdu la tagon antaŭ vespero! "Kie vi estis, kiam ni vian urbon multnombre (300 personoj!) vizitis kaj preskaŭ neniu el vi estis je nia dispono ?" ktp. ktp. ŝi nome apartenis al la karavano, kiu post la Universala Kongreso en Budapeŝto estis survoje al t.n. postkongreso en Praha....

Francisko, Francisko, kion ci nur faris? Ci ja ĝuste konsideris, ke tiu, kie deziras lerni naĝi, devas en akvon salti...ci singardeme elektis eĉ etprofundan akvon de popolkantoj en espero, ke ci ne droniĝos - kaj tamen ! Iu nekonata mano cin faligis en la flu-ejon, kies malmola fundo ne savis cin de tiuspecaj vundoj. Suferu nun, sed ne malkuraĝiĝu! Ŝi certe estas iu maljuna fraŭlino, iu komfortama sinjorino, al kiu ĉe ni io mankis - sed ŝi ja povis simple resti hejme, ĉu ne ? ! Diru, ke la afero cin ĝenerale ne rilatas, ĉar ci ja estas ankoraŭ ne organizita Esperantisto, do ci ankaŭ neniajn devojn havas, ŝi turnu sin kun siaj plendoj al la klubestro kaj ŝi fajfu !

Mia "elŝvitaĵo" foriris, sed ŝajnis, kvazaŭ tiu nekonatino ne povus jam ĝisatendi ĝin por min tuj poŝtrevene plue insulti:"Mi absolute nenion komunan deziras havi kun iu neorganizita Esperanto kaj vian ridindan pretekston, ke vi estas ankoraŭ neparolanta, muta 'suĉinfano', mi respondas per mia deklaro, ke mi vin per verda lakto ne mamnutros. Fine mi certigas vin, ke mi vian landon neniam vizitos kaj vin ĉiujn el via dormo ne vekos!"

Mil diabloj! Ĉu mi bezonas iun, kiu min veku?! Sed atenton, Francisko! Ci ja legis, ke en la internaciaj relatoj ĉiu civitano devas esti kaj agi kiel konsulo de nia respubliko.... Do ci havas ja ankoraŭ noblan taskon kaj ci certe ankoraŭ ion sukcesos respondi. Ci ja ŝin tute ne konas, do jen ia tia "kroĉilo" ! Nu bone:

"Nia respubliko pro siaj natura beleco kaj multegaj vidindaĵoj nepre ne meritas, ke iu ĝin pro iu persona nur malagrablaĵo ekmalamu" - predikis mi kiel turisto - "kaj povas ja iam eĉ okazi, ke vi ne povos ĝin eviti, ĉar ĝi estas ja "la koro de l' Eŭropo" - (oni devas nur la koron ektuŝi!) - "do vi probable iam devos ĝin almenaŭ traveturi, nu kaj por tiu iam tamen ebla okazo - mi hodiaŭ proponas min tute je via dispono ... kaj finfine mi permesas al mi ankoraŭ almeti mian foton, por ke vi sciu, kun kiu vi havas t.n. 'honoron' korespondi" .... Nu diru, ĉu mi ne estis diplomato en rango de'konsulo' ?

"Sehr honorisch! (Germane: tre granda honoro!) Nun mi jam scias,

kun kiu mi havas la "honoron" krom via skribmaŝino kaj tre interesa "propramana" subskribo.... Sed mi devas interalie ankoraŭ pri io tre grava vin atentigi, nome, ke mi unue estas sovaĝa ekzemplo en homa zoologia ĝardeno, due, ke vi neniam igos min mangi el via manplato - kaj trie, ke vi neniam sukcesos min kapti, ĉar mi estas kapabla eĉ al metamorfozo - nome: en venton! D o n e e s p e r u !"

Mi dankis pro ŝia foto, kiu ŝajnis al mi tre "suspektinda" kaj kuraĝe daŭrigis nian skriban duelon: "Ho, kial ne esperi? En niaj zo-oj estas ja malsovaĝigitaj jam bestoj, tial necesa estas nur p a c i e n c o - kaj rilate la venton: Ĉu vi ne scias, ke la mitologia dio Aeolus tenis la ventojn - en sakoj?! Do, bezona estas ree nur s p e r t o . Sed mi havas hodiaŭ al vi jenan demandon: Ĉu vi en Brno ne demandis iun pri la vojo al 'Besední dům' ?"

"Kompreneble, ke ni ĉiuj ja devis ĝeni multajn homojn, do ankaŭ mi tion multfoje faris, sed V I N M I N E demandis, ĉar via devo tiam estus ne nur la vojon al mi montri kaj forkuri, sed min ĝis tie akompani, ĉu vi Komprenas, knabeto?"

Kaj tiuspecaj leteroj - ambaŭflanke avide atendataj - rapide kaj seninterrompe flugis inter Brno kaj Riga kiel tenisa pilko ĝis la finrezulto "fifteen-fifteen".

La pulvo elĉerpiĝis kaj la batale ondiĝinta nivelo de nia korespondado kvietiĝis. Por plu korespondado ni ŝanĝis la temojn informante unu la alian pri niaj infanaĝo, vivkondiĉoj, okupo, ktp. Reciproka komprenemo kaj fina toleremo plus ambaŭflanka bona volo triumfis kaj en la jaro 1930 mia korespondamikino - antaŭ siaj du kursoj laŭ ĉe-metodo en Warszawa - vizitis Brnon kaj Altajn Tatrojn.

En Brno - dum kunveno en kafejo Savoj - mia gasto surprizis per sia nevenkebla elokventeco ĉiujn ĉeestantojn tiomgrade, ke s-ano Sonnenfeld demandis ŝin, ĉu ĉiuj Latvinoj estas egale akraj? Mi? Mi estas ja la plej milda el ĉiuj Latvinoj, rebatis la demanditino. - Tial mi neniam edziĝus al Latvino, kapitulacis s-ano Sonnenfeld. Sed sinjorinoj ŝin pli favoris kaj s-anino Strejčková donis al ŝi sian foton kun jena dediĉo: "Kun deziro, ke vi por ĉiam restu en Brno."

Ni vizitis ankaŭ nian folkloran moravian Slovakion kaj en la urbeto Nivnice, naskiĝloko de nia fama pedagogo Jan Amos Komenský, ni havis eĉ okazon ĉeesti baptofeston en amika familio. Tie okazis unu episodo, kiun mi neniam forgesos: Ĉar Milda la paroladon ne komprenis, la gepatroj de la baptito admonis min, ke mi mem priservu ŝin per dolĉajoj kaj bakaĵoj. Do mi proponis ilin popece kaj la trian aŭ kvaran porcion mi akompanis per jena vorta venko: Nu vidu, karulino, vi jam ankaŭ el mia mano manĝi lernis!"

Kion ankoraŭ aldoni? Post plua jaro - 1932 - okazis nia edziĝfesto, dum kiu ni kompreneble kantis, ĉar kantoj nin ja interkomprenigis. Tial ankaŭ vi, precipe nia gejunularo, ne malatentu la popolkantojn kaj nun provu kun ni kanti nian propran kánton en nia familia lingvo Esperanto! Ĝia melodio estas konata laŭ "Volga, Volga, matj rodnaja" - do:

Amas vin, ho kara mia, amos vin mi flame nur,
lingvo ligis harmonia nin por ĉiam eĉ sen ĵur'.
Nur aferon nian ami mi permesas por la bon' -
por ĝi devas koroj flami kaj labori sen admon' !

Jakubec František

# LA PLEJ VALORA MAŜINO

Ke mi tuj diru tion: la plej valora maŝino estas la homa korpo ! Tion unue ekkonis la famkonata Pythagoras antaŭ 2500 jaroj, lernanto de Thales, ambaŭ famaj matematikoj kaj filozofoj. De sia 50-a jaro Pitagoro vivis en malsupra Italio, de tie li donis al la homaro siajn plej valorajn laborfruktojn. Tie ariĝis ĉirkaŭ li homoj, liaj lernantoj, kiuj kune kun li, kaŭ lia filozofio evitis la viandmanĝadon. Ilia ĉefa celo estis: resti ĉiam sana laŭ senvianda vivmaniero.

Iom pli malfrue ni ankaŭ renkontas homojn en la historio, kiuj havis preskaŭ samajn ideojn: Leonardo da Vinci, Ludwig von Cornaro, poste Rousseau, la granda filozofo kaj pedagogo de la 18-a jarcento. Leonardo da Vinci diris: "Oni nomas la homon reĝo de la bestoj. Sed mi prefere dirus: reĝo de la rabbestoj! Ĉar inter tiuj li estas la plej granda, li mortigadas bestojn por ke ili servu al li kiel palat-tikilo, kaj lia stomako fariĝas tombejo de la bestoj." La historiisto diras pri li: "Li lumis per beleco, forto kaj saneco de korpo, spirito kaj bonhumoro."

Pri Cornaro oni legas: Li estis viv-filozofo, sed ĝis sia 40a jaro li vivis en diboĉa vivkonduto, kio kaŭzis ĉe li preskaŭ morton. Tiam li komencis vivi sen vianda nutraĵo, kaj li resaniĝis kaj vivis feliĉe en kontenta maljuneco preskaŭ ĝis 100 jaroj.

Rousseau atentis la homaron admonante: Returnu al la naturo! Subtenantoj, kaj sekvantoj de tiu ideo estis inter aliaj la verkistoj G.B.Shaw kaj L.N.Tolstoj. Sed sindona sekvanto de la Rousseau-a ideo estis ankaŭ la amerika kapitano Diamond, kiu vivis de 1796 ĝis 1916, do 120 jarojn, kiu jam kiel maljunulo eldonis libron kun nomo: "La sekreto, kiel longe vivi, kaj plej bone ĝui la vivon". En tiu ĉi broŝuro li diras: "Ĝis mia 80a vivjaro mi ne manĝis viandon, sed ŝajnis al mi, ke mi devas ankoraŭ pli sane vivi, ke ankoraŭ estas ebleco por tio. Tiam mi forlasis la kuiritajn, bakitajn kaj rostitajn manĝaĵojn tute, kaj mi nutris min nur per krudaj vegetaĵoj kaj fruktoj, kaj mi sentis min pli kontenta." Tiamaniere li atingis 120 jarojn.

Mi sekvas lin, kaj mi scias, ke li estis prava. Mi ja havas jam ankaŭ miajn vivspertojn, havante 84 jarojn, pri kiuj oni petis min paroli ankaŭ en nia televida elsendo. Sed ankaŭ famkonataj personoj ŝatas min trovi ĉu persone, ĉu letere. Antaŭ iom da tempo venis letero de Profesoro D-ro Schennert el la Instituto por nutrado en Potsdam-Rehbrücke, kiu samtempe sendis al mi sian lastan verkon dediĉe pri la feliĉa vivo baze de natura nutrado. Samtiel skribis al mi Profesoro D-ro Graffi el Instituto por kancer-esplorado, sendante al mi apart-eldonaĵojn de la Instituto pri kuracado de kancero per natura nutrado kaj vivmaniero, dankante al mi pro la pozitiva starpunkto de la artikoloj en la gazeto Tempo kaj Bildo. - Ĉiloke mi menciu, ke en USA malpliiĝas en la lasta tempo la kancermalsano, ĉar la registaro propagandas kontraŭ fumado kaj por plimulta manĝado de fruktoj. Male, en Japanio, kie la frukto-produktado estas nesufiĉa, plimultiĝas la kancero! Jen grava admono por ĉiuj.

Walther Etzold

(Leipzig, Germanio)

- - -

Ĉu Lenino estis vegetarano? - Vidu Bultenon No 3 !

EL LETEROJ DE NIAJ LEGANTOJ

Hodiaŭ jen granda sensacio! - Alvenis la unua numero de nova VEGETARANO! Kaj mi ne volas prokrasti, sed tuj gratuli vin! La aspekto estas bonega, - multe pli bona, ol mi atendis, kaj la enhavo interesa. (Nederlando)

Mi danke konfirmas la ricevon de Esp. Vegetarano, ĝi estas belaspekta kaj riĉenhava, - ĝi multe plaĉas al mi. Gratulon! Mi sendas tuj la mondonacon. (ĈSSR)

La bulteno tre plaĉas al mi, - mi nur deziras daŭrigon. Ĝi estas bone legebla, bonaspekta, bonstila, komprenebla, kaj la enhavo varia, ne akademia-scienca. Ĝi estas bona ligilo por personaj kontaktoj, kio laŭ mia opinio tre gravas. (Danio)

Mi tutkore gratulas al vi pro la promesita aperigo de nia mondskala bulteno Esp. Vegetarano, kiun mi ĵus ricevis kun danko. Ĉion bonan kaj sukceson al vi persone, kaj al nia kara ideo! (Pollando)

Kara amiko! Mi ĵus ricevis el Irlando la belegan Esp. Vegetaranon. La plej ĝojiga afero en la Novjaro! (Germanio)

Karega! - Hieraŭ mi kun granda ĝojo kaj kontenteco ricevis kaj tuj avide tralegis la delonge kaj senpacience atenditan Vegetaranon! El mia tuta vegetar-frateca koro mi sincere gratulas al tiu ĉi via granda sukceso! Mi esperas ke ĉiu esperantista vegetarano sincere ĝojos pro tiu ĉi sukceso, kaj ke ĉiuj rapide helpos laŭ siaj eblecoj per mondonacoj. Laŭ mia opinio ĉiu vegetarano estas alte konscia, kaj prudenta homo, kaj neniu rifuzos ricevi EV-on kaj ĝin subtenadi.
Mi esperas ankaŭ, ke nia tutmonda vegetaranaro per sia gesto pruvos, ke ni estas fratece, solidare kunligitaj, kvankam dissemitaj tra la tuta mondo. Mi esperas ankaŭ, ke esp. vegetaranoj mondskale estas sufiĉe multaj por povi elteni libervolan eldonadon de sia treega bezonata kunligilo Vegetarano. Al mi la bulteno tre plaĉas. La papero, la klare legebla preso kaj la enhavo estas bonegaj. Espereble la impreso de ĉiuj legantoj estas tia. (Bulgario)

Dankon, karaj geamikoj, - jes, kune kun vi mi ankaŭ ĝojas! (erva)

- - - - - - - -

Kara samideano, - Via letero devis iri tre longe, por trovi min en fora orienta parto de Siberio, en Trans-Bajkala regiono, supre de orienta parto de Mongolio en Azio! Via letero min des pli ĝojiĝis. Certe interesos vin io pri mi. Jen: mi estas 82-jara, vegetarano ekde la 18-a jaraĝo malgraŭ ĉi-tie-aj malfacilaj cirkonstancoj precipe klimataj. Al vegetarismo mi dankas mian resaniĝon el malbona malsano (kronika angino). Mi devenas el 10-membra familio. Esperantisto mi estas ekde 1909, do jam 62 jarojn. Mi havas edzinon, kiu estas ankaŭ vegetarana; ŝi ankoraŭ laboras en la urbo malsanulejo. Nia nutrado konsistas ĉefe el lakto kaj laktaj produktoj krom butero (ni anstataŭ ĝi uzas oleon), plantaj kreskaĵoj, fruktoj, legomoj, beroj, ktp. Nuntempe en mia lando ne ekzistas vegetarana gazeto, sed ĝis la Oktobra Revolucio estis eldonata ruslingva "Vegetara Revuo", kiun mi abonadis ekde 1907 ĝis 1914. Bedaŭrinde mi ne havas veget. adresojn, ĉi tie en nia urbo antaŭ jaroj vivis ankoraŭ 4 vegetaranoj, sed tiuj jam mortis; mi nun havas kontakton nur kun s-ano Ĥovanskij, kiu informis vin pri mi. Via informo pri reapero de Esp. Vegetarano min tre ĝojigis, sed bedaŭrinde mi ne

ricevis ĝin, - al mi estas longa vojo por poŝtaĵoj, kaj multaj do perdiĝas dumvoje.... Mi gratulas al vi kaj deziras multajn sukcesojn! Mi sendas al vi, kaj al ĉiuj gesamideanoj sincerajn, korajn salutojn! (K.L.Cukanov, ul.Lesnaja 23-B,kv.9, ĈITA-27,672027, USSR)

(Kara amiko! - Mi kore dankas pro viaj gratulo kaj salutoj, ankaŭ je nomo de ĉiuj gesamideanoj-vegetaranoj en la tuta mondo, kaj en ilia nomo ankaŭ mi tre kore. sincere bondeziras, gratulas al via 83-a naskiĝtago: 3.VI.1971 en fora Siberio! - erva - )

"Mi eklernis Esperanton komence de la dua mondmilito, kaj samtempe mi sciiĝis pri vegetarismo. Nome, en mia najbareco vivis tiutempe ŝuisto, kiu dankis sian vivon al vegetarismo, - vegetara natur-kuracisto resanigis lin el tiel nomata nekuracebla malsano. Tiel mi ankaŭ fariĝis vegetarano. Mi edziĝis kun fraŭlino, kiu ankaŭ estis vegetarano, kaj tiel ni daŭrigis nian vivmanieron, fidele al niaj vivkonceptoj. Ni havas 5 gefilojn, sed lastatempe ni spertas malfacilaĵojn en la familio pro nia vivmaniero, ĉar iuj infanoj jam forlasis la lernejon, eĉ fariĝis memstaraj, kaj tiuj ne obeas niajn bonajn konsilojn. Sed ni pensas, ke se ili iam en la vivo estos malsanaj, ili certe rememoros la belajn lecionojn pri la vegetarisma vivmaniero, kiujn ni donis al ili. Mi havas multajn librojn pri vegetarismo, naturkuracado, ktp. Mi esperas, ke via letero ne estas la lasta." (H.Audenaert, Belgio)

(Kara samideano, bedaŭrinde mia letero fariĝis la "lasta", ĉar DE VI jam ne venis respondo.... Mi tamen ŝatus ion scii pri vi, pri viaj libroj, ktp. - erva - )

"Ĵus alvenis la renaskiĝinta Esperantista Vegetarano! Mi dankas al vi! Tute sincere mi devas diri, ka la bulteno estas tre-tre interesa kaj edifa. Mi ĝin preskaŭ englutis! - Granda bedaŭro, ke ĝin ricevadas nur vegetaranoj. Ili subtenas ĝin mone, akceptas ĝian enhavon, laŭdas ĝin - kaj la cirklo fermiĝas.... Eble vi trovos rimedon, por disvastigi la bultenon ankaŭ en mediojn nevegetarajn.
(H.Tarasova, Pollando)

(Jes, kara samideanino, ni tion tre volonte faros! - Ĉio dependas de la rezulto de la mondonacoj al nia eldona fondaĵo. - erva - )

"Tutkore mi gratulas al vi kaj al la nova Esp. Vegetarano! Kaj jen mi sendas kelkajn eldiraĵojn:

- Ĉiujn, al kiuj estas valoraj feliĉo kaj vero, mi petegas, dediĉi sian atenton al studado de vegetarismo! (Shelley, angla poeto)
- Alvenos tempo, kiam homoj havos la saman abomenon al animala viando, kian ili havas nun al homa viando. (Lamartine, franca poeto)
- Gardu vin de ĉiu nutraĵo kaj trinkaĵo, kiu instigus vin manĝi kaj trinki pli multe, ol postulas via malsato kaj soifo. (Sokrates)

(A.N.Ĥovanskij, USSR)

" Mi restas tute dankema pro la ŝatata sendaĵo, monhelpon mi sendos baldaŭ kiam la vivo permesos...." (C.Castanho, Brazilo)

" Mi dankas vin pro la ĵurnalo, kiun mi esperas floros. Lastatempe vegetarismo venkos. " (C.D.Hancock, Britujo)

" Mia kara amiko, kun ĝojo mi ricevis la bultenon Esperantista Vegetarano kaj mi sendas al vi kvar respondkuponojn por tiu ĉi numero. Bonvolu diri al mi se tio estas korekta aŭ ne, ĉar mi estas preta kontribui al tiu ĉi nobla kaŭzo. " (J.P.Palacio, Hispanio)

(Kara amiko, kun plezuro ni danke ricevus pli! - eld. - )

## SURPRIZA LETEREGO

Grandan leteron alportis la poŝto, kun 4-dolara aerpoŝt-afranko el Kalifornio - sendis ĝin s-ano Dan Evanoff-Petroff. Agrabla surprizo por mi ! Li mencias en la letero, ke li ricevadis la gazeton Esperantisto Slovaka, kaj kiam li legadis ĝin, precipe la vegetaran rubrikon, ĉiam ekkaptis lin la penso: kiu jam sendadas ĝin al mi? Kaj li skribas:

"Mi ĵus ricevis la revueton Esperantista Vegetarano, unua numero, sendita el Irlando, kiu min surprizis. Ĝi aspektas bone kaj bele. Ĝojigas min, ke en nia lando, kaj proksime, en urbego Los Angeles, TEVA havas sian reprzentanton, s-ron Parkerson. Mi ne konas lin, sed esperebl e ni nun jam interkonatiĝos persone. Kompreneble pere de li mi sendos financan donacon por TEVA. Mi surpriziĝis vidante, ke revigliĝis la veget. movado, renaskiĝis la veget. gazeto, enhavanta interesajn artikolojn el diversaj landoj. - Nun mi konas vin pli bone! Akceptu do de mi, kiel donacon, mian libron, kiun mi antaŭ jaroj skribis, instigita de miaj amikoj, eldoni libron por tiuj pacientoj, kiuj ne ricevis helpon de la oficiala kuracado...." Kaj antaŭ mi kuŝas manuskripto en 90 paĝoj tajpitaj kun vere interesaj ĉapitroj.

"Mi volis mian verkon skribi en angla lingvo, sed mi ofte pensis ke mia libro kuŝos sur breto, kovrita de polvo, kiel aliaj similaj libroj. Sed ie mi legis ke esperantistoj reprezentas en ĉiuj landoj la plej inteligentajn homojn - ke ili estas kvazaŭ 'kremo de la mondo'. Kaj tiam mi decidiĝis skribi ĝin en Esperanto - ĉar se la libro kuŝus sur breto, ĝi do estu sur la universala breto ! " - tiel daŭrigas sian leteron s-ano Evanoff. Sed por mi, kaj certe por aliaj ankaŭ el mia patrolando, interesa estas, ke li iam vivis en niaj regionoj, jen:

"En jaro 1911, kiel 17-jara bubo, mi la unuan fojon estis for el mia patrolando, Bulgario. Tiam mi laboris en via lando, nome en Slovakiaj urboj Košice, Iglov (nun Spišská NováVes), Kežmarok, Stará Ves, ktp. Tie mi laboris tre malfacile en bulgaraj ĝardenoj - kiel vi scias, tiam multaj bulgaroj enmigris vian landon, kiel fakuloj-ĝardenistoj. Do kun ili venis tien ankaŭ mi. La laboro estis por mi, malfort-korpa knabo, malfacila. Kaj kiom mirinde: la sorto donas al homo ecojn, por savi sin! Natura leĝo kompensas fizikan malfortecon per kapabloj mensaj. Mi en mallonga tempo ellernis la loke bezonatajn lingvojn, la slovakan, hungaran, germanan eĉ ĉizanan, kaj mi povis fariĝi bulgara vendisto sur vendplaco de legomoj, kaj mi estis savita, mi ne devis peze labori! En tiun ĉi kontinenton mi alvenis en la jaro 1913...."

Almenaŭ tiom el la interesa verko pri multaj viv-spertoj, pri vegetarismo, naturismo eĉ nudismo, pri mem-kuracado, dietoj, ktp. Li estas jam longan tempon krudaĵ-manĝanto kun grandaj spertoj. Certe lia verko interesus la tutmondan veget. publikon. Do, karaj geamikoj, kiu povas min informi pri eldoneblecoj ? Bonajn konsilojn anticipe mi kore dankas !

Ernesto Váňa

* * *

En la venonta Bulteno aperos artikolo (inter aliaj) pri la Kongreso en La Hago de la Internacia Vegetara Unuiĝo (6-12 sept.).

# M I K S P O T O

S-ano Armadans el Hispanio sendis al ni afablan klarigon. Nome, en la 1-a n-ro de Vegetarano ni dankis kaj konfirmis al li la donacon de 10 rpk-oj. Nun ni komprenis el lia afabla letero, ke ne temas pri donaco lia, sed ke li siatempe ricevis monon kaj aĵojn por propagandi TEVA-n okaze de UK en Israelo, kaj nun li resendas la monon kaj aĵojn al ni, kiel al TEVA, kaj li denove sendis 12 rpk-ojn kaj librojn, gazetojn kun noto, ke restantan monon li sendas samtempe al s-ano Fettes. - Koran dankon al s-ano Armadans pro la klarigo, kaj pro la honesta aranĝo de la afero !

En Esperanta literaturo mankas libroj pri vegetarismo. Ni ricevadas ofte leterojn, en kiuj oni petas informojn. Ni devas urĝe ion fari! Estu programero en la vegetarana kunveno dum UK-Londono pri la ELDONA FONDAĴO - ni povos havi propran fakon por tiu celo. Certe iuj sindonaj esp-vegetaranoj povos disponigi monon al tiu celo. Pripensu, priparolu do la aferon en Londono, aŭ sendu viajn sugestojn jam nun al nia redaktejo! - Anticipe dankon.

Niaj karaj geamikoj nove aliĝintaj pardonu al mi afable, kiuj petis alsendon de specimeno de "Vegetarano", ke mi aparte ne skribis al ili. Pro la afrank-altiĝo en mia lando ili afable komprenos la kialon. - Dankon ! E.V. (Ankaŭ notu ke la unua numero de nia Bulteno estas nun elĉerpita. - C.F.)

Bestprotektantoj! - vin certe interesos la libreto de Milda Jakubcová: Estrado de animaloj, - sed certe ankaŭ aliajn. 100 ĉarmaj poemaĵoj pri bestoj, animaloj. Mendebla ĉe Ernesto Váňa.

"Esperantisto Slovaka" - bulteno de la Slovakia Esperanto-Asocio (Ĉeĥoslovakio), ekde sia 4-a numero en 1969, enhavas rubrikon pri vegetarismo 1-paĝan. Dum jaro 1970-a kaj ankaŭ en nuna la rubriko estas ĉiam dense tajpitaj 2-paĝoj kun varia kaj interesa enhavo. Jara abono de la 20-paĝa, dumonata bulteno estas 20 ĉeĥ. kronoj, aŭ egalvaloro. Unuopajn ekzemplerojn ankaŭ el pasintaj jaroj vi povas mendi, sendante 1 rpk po-numere, ĉe nia redaktanto Ernesto Váňa.
Adreso de la redaktejo de Esperantisto Slovaka: D-ro L.Izák, Vila Esperanto, Rastislavova ul.13, MARTIN, Slovakio, ĈSSR.

Nia kara legantino, s-ino Milda Jakubcová (Potácelova ul.70, BRNO - 15, ĈSSR), la 23-an de majo fariĝis 72-jara. Ni deziras al ŝi el sincera koro ĉion bonan, ĉefe sanon, kontentecon en ŝia jam soleca vivo. Certe plej inde ni gratulas al ŝi per ŝiaj poemetoj, kiuj estas tiom naive karaj, kaj en kiuj ankaŭ ŝi dokumentas sian apartenecon al delikat-sentemo de vegetaranoj. Jen:

Vegetaranoj evidente
konsentas kun ni cent-procente.
Ĉasistojn tial vi malarmu,
ke ili en arbar' ne svarmu!
(el "Leporo")

Mi nur per mia vosto svingas,
el homa poŝ' min nuks' atingas.
Kaj nun vi, kulo, manĝu herboń,
ke havu vi pli sanan cerbon!
(el "Sciuro")

Ŝia poemaro "Estrado de Animaloj", supre citita, enhavas 100 belegajn, plejparte alegoriajn versaĵojn; ĝi kostas 6 rpk, afrankite.
Sur alia loko, en nia literatura rubriko, ni represas la rakonton de ŝia jam mortinta edzo pri la sorto de esperantistoj, sub titolo: "Esperanto = edz-peranto", je rememoro...kaj kiel kontribuaĵo al nia gratulo: Nia kara Milda - vivu longe inter ni! ( - erva - )